# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
14-a jaro N-ro 4 (55) decembro 2015

- **Agadoplano por 2015-2016**
- **Okazis la 10-a SALO**
- **Malfrua kondolenco**
- **Ĝemelurba Renkontiĝo en Petten**
- **Fotoj pri ĝemelaj urboj de Lillo**

## Enhavo

**1…Agadoplano por 2015-2016**
**1…Okazis la 10-a SALO**
**1…Aperis Facebook-paĝo pri la projekto Ĝemelaj Urboj**
**2…La gratula letero de la komisiito al la 30-a datreveno de TEA**
**2…Malfrua kondolenco**
**3…La eksa urbestro kiel ambasadoro de urbo**
**4…Lutz Peters partoprenis la feston kaj la ekspozicion**
**4…Irena Kryszkiewicz partoprenis la kunsidon kaj rigardis la ekspozicion**
**5…La urbestro ĉeestis al la 48-a Konferenco de ILEI**
**6…Ĝemelurba Renkontiĝo en Petten**
**8…Fotoj pri ĝemelaj urboj de Lillo**

**Kovrilfoto: Roterdamo estas kaj ĝemelurbo de Lillo, kongresurbo de la 100-a UK, kaj sidejo de Centra Oficejo de UEA. La montrita foto partoprenis la 2-an Foto-ekspozicion de Ĝemelaj Urboj.**

## Funkciuloj de La Projekto Ĝemelaj Urboj

S-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA
S-ino Barbara Pietrzak, estraranino de UEA, ĉefa respondeculino pri la ĝemelurba agado en la subteamo Monda Evoluo
S-ro Stefano Keller, estrarano de UEA pri Monda Evoluo, Konsciigo: Komisiono pri Rilatoj kun Internaciaj Organizaĵoj (KRIO), Ĝemelaj Urboj
S-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro Wu Guojiang, komisiito de la projekto

## Kunlaboremuloj de la projekto

Je la kontinenta agado pri Ĝemelaj Urboj s-ro Luigi Fraccaroli el Italio, s-ro Hassano Ntahonsigaye (ntahonsigayea@yahoo.fr) el Burundo kaj s-ro Hori Yasuo (Hori-zonto@water.sannet.ne.jp) el Japanio volonte kunlaboras kun la projekto.

## Respondeculoj de Landaj Asocioj Pri Ĝemelaj Urboj

**Ameriko**
Argentino: s-ro Jorge Enrique Cabrera, jeccenter@gmail.com
Kubo: s-ro Miguel Ángel González Alfonso, miguelangel@esperanto.co.cu
**Azio**
Mongolio: s-ro Chimedtseren Enkhee, retadreso: enchjo@yahoo.com
Pakistano: s-ro Jawaid Eahsan, retadreso: saluton123@yahoo.com
Vjetnamio: s-ro Nguyen Xuan Thu, retadreso: autuno32@gmail.com
**Eŭropo**
Finnlando: s-ro Robert Bogenschneider
Francio: s-ino Raymonde Coquisart, retadreso: raymonde.coquisart@yahoo.fr
Italio: s-ro Luigi Fraccaroli, retadreso: luigi.fraccaroli@esperanto.it
Nederlando: s-ro Pieter Engwirda, retadreso: pieter.engwirda@gmail.com

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-024-52650322;
Retadresoj: ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de
**TTT-paĝo**: www.esperanto.fi/ghemelurboj/

NOVAĴO

## Agadoplano por 2015-2016

1. Daŭrigi tri agadojn de la projekto en la 101-a UK en 2016, nome, partopreno en la movada Foiro, okazigo de la kunsido de Ĝemelaj urboj kaj Fotoekspozicio pri la ĝemelaj urboj de la kongresurbo Nitra(Slovakio).
2. Eldoni la retan trimonatan bultenon: Informilo de Ĝemelaj Urboj. Ĝisnunaj numeroj aperas sube: http://www.esperanto.fi/ghemelurboj/
3. Alvoki kaj instigi landajn asociojn, precipe landaj asocioj en Afriko kaj Oceanio (ĝisnun ne ekzistas landa asocio kun respondeculo pri ĝemelaj urboj), starigi respondeculojn pri Ĝemelaj urboj.
4. Enkonduki ĝemelajn urbojn en la programo de la kontinentaj kaj landaj kongresoj de Esperanto, ekz. la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto en 2016.
5. Pliriĉigi la enhavon de Wikipedio pri Ĝemelaj urboj https://eo.wikipedia.org/wiki/%C4%9Cemelurbo

(la plano estis voĉlegita kaj diskutita en la 12-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj)

## Okazis la 10-a SALO



Inter la 9-a kaj la 15-a de aŭgusto 2015 okazis Somera Arbara Lernejo（SALO）de la ĝemelurboj Herzberg am Harz (Germanio) kaj Góra (Pollando). Ambaŭ gelernantoj pasigis la feriosemajnon kune en Góra lernante Esperanton antaŭtagmeze kaj partoprenante interesajn aktivaĵojn en la posttagmezoj. La lernado okazis en du grupoj (por komencantoj gvidata de Michaela Stegmaier kaj por progresintoj sub gvido de Zsófia Kóródy). Inter la libertempaj programeroj aperis sportoj (naĝado), manlaboroj (pretigo de artaĵoj, donacoj, ktp.) kaj kantado, ludado. Ankaŭ okazis kelkaj ekskursoj al la regiono, okazis urborigardado en Góra, urbestrina akcepto en la urbodomo kaj internacia vespero kun muziko, dancado kaj prezentado de teatraj scenetoj al la invititaj gastoj, gepatroj, reprezentanto de la urba administrado kaj Esperanto-geamikoj.

El http://esperanto-urbo.de

## Aperis Facebook-paĝo pri la projekto Ĝemelaj Urboj

La paĝo https://www.facebook.com/Ghemelaj-Urboj-1691322684436611/?ref=ts&fref=ts estas kreita por la Ĝemelaj Urboj. Tie troviĝas diversaj informoj pri agadoj eblaj, pri eventoj fruktodonaj.

Mireille Grosjean

## La gratula letero de la komisiito al la 30-a datreveno de TEA

La 22-an de oktobro 2015

Al Tianjin-a Esperanto-Asocio,

Okaze de la 30-jariĝo de Tianjin-a Esperanto-Asocio (TEA) mi kore gratulas vin.

Turninte la historion la Esperanto-movado ekzistas en Tianjing 100 jarojn! Tieaj esperantistoj faris grandan kontribuon al Esperanto, precipe post fondo de TEA tieaj samideanoj diligente kaj senegoisme laboras por Esperanto kaj atingis rimarkindajn sukcesojn en diversaj kampoj, i.a. agado de ĝemelaj urboj estas aparte brila sukceso.

En 1973 Tianjin starigis ĝemelan rilaton kun la japana urbo Kobe. Ili ne nur estas la unua paro da ĝemelaj urboj inter Ĉinio kaj Japanio, sed la unua paro da ĝemelaj urboj inter Ĉinio kaj aliaj landoj. La eksterlandaj esperantistoj, kiuj plej frue vizitis Tianjin, estas la esperantistoj el la ĝemela urbo Kobe. Sekve TEA havas amikecan rilaton kaj interŝanĝon kun esperantistoj en la ĝemelaj urboj Inchon (Koreio), Lodz (Pollando), Melbourne (Aŭstralio) ktp. La elstaraj laboroj de TEA en agado de ĝemelaj urboj ricevis grandan atenton kaj laŭdon. Oni povas diri, ke Tianjin estas la starta punkto de la Esperanto-apliko en ĝemelaj urboj de Ĉinio, espereble Tianjin ankaŭ povos daŭre esti forto por akceli komunan evoluon de Esperanto-movado kaj la ĝemelurba agado.

Mi bone deziras plenan sukceson al la memora kunveno de la 30-a datreveno de TEA kaj kore salutas samideanojn de TEA.

## Malfrua kondolenco

Wu Guojiang



Mi nenion scius pri forpaso de sinjorino Kaisa Hansen en Upplands Väsby, Svedio, se s-ino Claude Nourmont ne atentigis min pri tio kiam mi dissendis n-ron 52 kaj n-ron 53 Informilo de Ĝemelaj Urboj kaj spite al tio, ke la revuo Esperanto aperigis prian anoncon en la kvina numero, ĉar mi neĝustatempe ricevis tiun numeron, eĉ nun.ankoraŭ ne.

Kaisa Hansen naskiĝis en la 3-a de novembro 1943 kaj forpasis en la 18-a de februaro 2015. Estas la projekto Ĝemelaj Urboj kiu kontaktigis nin kaj fondis amikecon inter ni. Ŝi estis dumviva membro, delegito kaj fakdelegito de UEA pri la E-movado kaj motoro de la loka Esperanto-movado. Plie ŝi estis elstara organizantino kaj praktikantino de la projekto.

Sveda Esperanto-Federacio estas la unua landa asocio starigi respondeculon pri ĝemelaj urboj. Kaisa Hansen fariĝis la unua respondeculino, nome komisiito de Sveda Esperanto-Federacio pri ĝemelaj urboj. Ŝi entuziasme kaj tutkore ĵetis sin al ĉi tiu laboro.

Post la 88-a UK okazinta en 2003 en Gotenburgo ŝi tuj konsideris la agadon de ĝemelaj urboj inter Svedio kaj Ĉinio, la kongreslando de la 89-a UK. Ŝi tiucele elmetis sep proponojn (vidu n-ron 8 Informilo de Ĝemelaj Urboj), i.a. du proponoj ankoraŭ havas signifon por la nuna laboro de la projekto, t.e. Por efektivigi bonajn premisojn por kunlaboro nun kaj

estontece estas grave starigi kunlaboron inter lokaj kluboj/esperantistoj/grupoj. Oni povas substreki la gravecon de ĝemelurbaj aŭ ĝemelregionaj kunlaboroj en ĉiu formo por stimuli la "desubajn" agadojn kiel ekz. junularinterŝanĝoj sed ankaŭ interŝanĝoj de aliaj spertoj.

La Hirundo estis esperantlingva gazeto en Upplandas Vasby, kiun ŝi kunredaktis, kaj ekzistis nur sep jaroj, sed ĝi fariĝis ilo per kiu ŝi informadis la ĝemelurban agadon. En ĝi ofte aperis raportoj pri ĝemelaj urboj, eĉ en ĝia n-ro 57, la lasta numero, ankoraŭ estis raportitaj informoj pri ĝemelaj urboj por la 91-a UK okazota en Florenco, ekz. listo de ĝemelurboj inter Svedio kaj Italio, proponoj pri la aranĝo de ĝemelurbaj aktivecoj antaŭ, dum kaj post la kongreso kaj tiel plu (vidu n-ron 15 Informilo de Ĝemelaj Urboj). Fonte el la Hirundo ŝi speciale starigis por la svedaj esperantistoj revueton Ĝemelurba Informilo (legu prian raporton en n-ro 13 Informilo de Ĝemelaj Urboj).

Okaze de la 125-jara jubileo de Esperanto kaj la 10-jara datreveno de la projekto Ĝemelaj Urboj ŝi substrekis, ke la esperantistaro ankoraŭ ne komprenas la valoron de ĝemelurbaj rilatoj kiuj jam estas establitaj inter la komunumoj en la ĝemelurboj. Komunumoj starigis inter si kontrakton pri rilatoj inter du (aŭ pli) da urboj. Tio signifas ke la komunumoj respondecas pri la kostoj por ekz. vojaĝoj por havi ĝemelurbajn renkontiĝojn. Tiucele ŝi atentigis, ke Helsingborg, kiu gastigos la la Svedan Esperanto-kongreson en 2012, havas la eblecon pere de sia komunumo inviti esperantistojn de la ĝemelurboj al la kongreso.

Pere de la ĝemelurba agado ni ankaŭ starigis personan amikecon. Miaj familianoj ankaŭ ĝuis tiun amikecon. En 2008 mia 12-jara filo lernis ankoraŭ en elementa lernejo. Informiĝinte, ke li unuafoje partoprenis en la ceremonio de flago-hiso de la lernejo kaj menciis Esperanton en sia parolado, ŝi tuj gratulis kaj instigis lin daŭrigi lernon de Esperanto.

Forpaso de Kaisa Hansen estis granda perdo por la projekto kaj mi, ĉar ĝi perdas fortan subtenanton kaj firman praktikanton, kaj eterne, ĉar mi perdas bonan amikinon, kaj eterne.

Kaisa Hansen, la projekto Ĝemelaj Urboj fikse memoros vin, vi vivos en mia koro.

Kaisa Hansen, pacon!

（La aldona foto probable estas la lasta foto pri ŝi kiun mi serĉis kaj trovis）

## URBESTRO KAJ ESPERANTO

**La eksa urbestro kiel ambasadoro de urbo**



En la 92a Kongreso de Germana Esperanto-Asocio ĉeestis parttempe Gerhard Walter, eksurbestro de Herzberg. Li - kiel Esperanto-ambasadoro de la Esperanto-urbo - transdonis salutojn dum la oficiala urbestra akcepto en la urbodomo de Hameln, la kongresurbo.

Sur la flanka foto:Elena (de Asorti el Litovio), Thomas Heberlein (prezidanto de EMAS), Sebastian Kirf (prezidanto de GEA), Heinz Sprick (LKK-prezidanto), urbestro de Hameln

kaj Gerhard Walter (eksa urbestro de Herzberg) ĉe la akcepto.

El http://esperanto-urbo.de

## Lutz Peters partoprenis la feston kaj la ekspozicion

La 11-an de julio 2015 okazis la 9-jara jubileo de la germana Herzberg kiel Esperanto-urbo en la ĝardenfesto de Interkultura Centro Herzberg (ICH). Ĝin partoprenis la urbestro Lutz Peters kune kun ĵurnalisto, klubanoj, geamikoj, gejunuloj, Esperanto-lernantoj el Herzberg kaj la regiono. Li ĉeestis al la inaŭguro de la ekspozicio preparita de Zsófia Kóródy kaj Peter Zilvar. Kun la temo: historiaj urboprospektoj en Esperanto, la ekspozicio montras urbojn, regionojn ne nur de Eŭropo (ekz. Aŭstrio, Germanio, Nederlando, Hungario), sed ankaŭ el Azio kaj Ameriko. Inter la raraĵoj oni povas vidi informilojn de antaŭ la 1-a mondmilito, aliaj allogas per siaj belaj bildoj, grafikaj ilustraĵoj. Ĝi estos videbla en la Esperanto-ĉambro de la kastela muzeo dum ĉ. duonjaro. La urbestro esprimis dankon al la ICH-kunlaborantoj pro la interesaj ekspoziciaĵoj kaj pro la volontula laboro.

El http://esperanto-urbo.de



**Lutz Peters en la jubileo**




**Lutz Peters en la ekspozicio**

## Irena Kryszkiewicz partoprenis la kunsidon kaj rigardis la ekspozicion



Post la sukcesa somera kunferiumado de la ĝemelurbaj gejunuloj el Herzberg kaj Góra dum SALO-10, en oktobro kunsidis la gvidantoj kaj instruistoj de tiu speciala renkontiĝo. La semajnfina seminario okazis en Góra, PL. El Herzberg partoprenis Zsófia Kóródy, Cornelia Luszczek kaj Peter Zilvar por prepari la oficialan raporton pri la Somera Arbara Lernejo en 2015 kaj akordigi planojn por la sekvaj jaroj. La kunsidon kun lokaj Esperanto-klubanoj parttempe ĉeestis ankaŭ la urbestrino de Góra,

Irena Kryszkiewicz (en la foto de maldekstre: la dua de la malantaŭ vico). Ŝi transdonis diplomon al Peter Zilvar okaze de la sukcesa 10-jara kunlaboro per Esperanto inter ĝemelurbaj kluboj kaj lernejoj. Poste ankaŭ ŝi kun granda intereso rigardis la belan ekspozicion, kiun pretigis lokaj Esperantistoj, instruistinoj pri la dek ĝisnunaj SALOj kaj aliaj eventoj, vizitoj al la partnerlandoj, memoraĵoj de korespondado kaj aliaj interklubaj agadoj..

El http://esperanto-urbo.de

## La urbestro ĉeestis al la 48-a Konferenco de ILEI



138 personoj el 30 landoj partoprenis en la 48-a Konferenco de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj) okazinta inter la 17-a kaj 25-a de julio 2015, al kiu efektive aliĝis 170 personoj el 34 landoj.

La oficiala inaŭguro okazis sabaton matene la 18-an en la urbodomo de Oostende. La urbestro Jean Vandecasteele bonvenigis la konferencanojn substrekante ke Oostende en tiu pinta turista periodo ofertas milojn da eblecoj por ferii ĉe la marbordo, kvankam ĝi restas urbo kun ĉiuj urbaj servoj. La prezidantino de ILEI Mireille Grosjean dankis la urbestron esperante fruktodonan konferencon en tiu tiel alloga urbo! Tiun okazon montris la supra foto de Mónika Molnár. De maldekstre: Mirejo Grosjean, Radojica Petrović (respondeculo pri konferencoj en ILEI), Margaretha Symoens (LKK-ano), Stefan MacGill (vic-prezidanto de de UEA), Marc Cuffez (Prezidanto LKK), s-ro Jean Vandecasteele, Kristin Tytgat (LKK-ano kaj tradukado), Flory Witdoeckt (LKK-ano).



Ankaŭ indas mencii, ke s-ino Zsófia Kóródy, reprezentanto de ICH en la germana Esperanto-urbo Herzberg, prezidanto de germana landa sekcio de ILEI, tie partoprenis en multaj aranĝoj, interalie. ŝi prelegis pri la lerneja agado enkadre de la ĝemelurba kunlaboro (vidu la dekstran foton). Pro sia kelkjardeka, multflanka instrulaboro kaj interkultura agado ILEI elektis ŝin Honora Membro.

El raportoj de Mireille Grosjean kaj N-ro 151 Eŭropa Bulteno Aŭgusto 2015

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

### Ĝemelurba Renkontiĝo en Petten

Luigi Fraccaroli

Kutime, la raportoj pri esperantaj kunvenoj plenas je entuziasmaj esprimoj, ĉiopardonemaj laŭdegoj, senriproĉaj priskriboj. Iĝis jam onidiro la fakto, ke esperantistoj pretas akcepti senkritike ĉion proponitan/aranĝitan/faritan de esperantistoj. Sufiĉas, ke la iniciatinto estas esperantisto, por fari absolutan pinton el la plej aĉa kaĉo.

Tamen, kelkfoje okazas, ke la organiza kapablo kaj la entuziasma sindediĉemo produktas ion objektive memorindan. Tiu estas la kazo de la Ĝemelurba Renkontiĝo aranĝita dum la Ĉielira semajnfino (14-17a de majo 2015) fare de la Alkmara E-Klubo en Petten, ĉe la nederlanda nordholanda marbordo – plimalpli 60 km norde de Amsterdamo. Tiu kunveno celis la Esperanto-grupojn de la Alkmaraj ĝemelurboj Darmstadt (DE), Troyes (FR) kaj Tata (HU). Al tiu esperantistaro aldoniĝis la klubanoj de Brescia (IT), ĝemelurbo de Darmstadt, do kiel boĝemelurbo de Alkmaar. Entute 55 homoj partoprenis la renkontiĝon.

Mi scias, ke la scivolemaj legantoj atendas de ĉiu tiu raporto liston de faritaĵoj, viditaj lokoj, prelegoj, aktivecoj. Kaj ja, iom mi klopodos rakonti. Sed mi volas pleje sentigi al la legantoj la etoson de tiu kunveno. La unuan fojon mi partoprenis esperantan renkontiĝon kun mia edzino Donatella (Doni), neesperantistino. Ŝi tute ne parolis la Lingvon, kvankam ŝi iomete kapablis kompreni (post dudek kvin jaroj da kunestado!). Bone, post malpli ol dudek horoj ŝi povis jam babileti sen mia helpo (ni du estis la nuraj italoj en la renkontiĝo), kaj amikiĝis kun la aliaj partoprenantoj. Tio jam sufiĉas, por mi, por deklari kaj demonstri la efikon de tiu renkontiĝo!

La organiza kapablo de Tiny Droge, Marijke Lathouwers kaj la aliaj Alkmaraj klubanoj montriĝis jam je nia alveno al la Amsterdama flughaveno. Miny kaj Ton Massar atendis nin kun sia aŭtomobilo kaj akompanis nin per afabla vojaĝo, ĝis la kunvenejo (ankaŭ tag– kaj vesper-manĝejo) en la vilaĝo Petten, kie jam ariĝis la germanoj, la francoj kaj la hungaroj (kaj la nederlandanoj, kompreneble). Tie la aliĝaj burokrataĵoj glitis tra kafo, teo kaj babiloj kun novaj kaj malnovaj geamikoj. Doni kaj aliaj komencis foti ĉiun kaj ĉion, kaj pri tio postrestos memorplena interreta albumo.

La dormejo/matenmanĝejo estis interesa (ĉar en Italio da tiaj, laŭ mia scio, ne ekzistas) grupdomo por plenkreskuloj, luita komplete por ni. Tie ĉiuvespere okazis interbabilado, ĝuste kiel okazas ĉe junularkunvenoj. Buntaj –kaj tipe nordeŭropaj– matenmanĝoj donis sufiĉan elanon por alfronti la tagojn plenajn je programeroj.

Ni estis kelkmetre sub la marnivelo. Tio montriĝis kiel konstanto en la nederlandaj pejzaĝo, vivo kaj sinteno al la estonto. La grandan digon tuj malantaŭ nia dometo produktis grandega streĉo de la nederlandaj ŝtato kaj popolo, kiun mi apenaŭ povus imagi, en mia lando, por kiu ajn celo. Kaj, malgraŭ tio, la nederlandanoj estas nek vantemaj nek malmodestaj: ili simple

luktas por sia tero kaj por sia vivo. Tero, kiu ne ekzistus sen la senĉesa kunpenado de ĉiuj enloĝantoj. Mi komprenis, ke nederlandanoj sentas tiun teron kiel vere sian.

Mi opiniis, ke Nederlando estas protestanta lando, en la senco de la reformacia kristana eklezio. Mi malkovris, ke ja protestantoj, en la pasinto, muldis la naciajn ekonomion kaj praktikan sintenon, sed efektive la kredantaro estas malpliiĝanta. Ni vizitis plurajn eks–preĝejojn, koncepto apenaŭ klarigebla en mia lando. Kiam vivteni preĝejon kostas tro, la solvo estas ĝin vendi kaj lui nur okaze de neceso – ekz. por Kristnasko. Vere genia eltrovo!

Nederlando estas esence ebena lando. Tie, do, ventoj malhavas barojn kaj povas blovi tre forte. Tial mueliloj svarmas tra la lando: por ni estas kvazaŭ belaj monumentoj, dum esence ili helpis dum la jarcentoj dreni la akvojn kaj sekigi la teron – do, fari Nederlandon. Ankaŭ tulipoj svarmas tra la lando: mi malkovris, ke ili venas el centra Azio tra Turkio. Ekskurso al "Tuliplando" klarigis la tutan historion.

Ĉiu Alkmarano surprenis la respondecon pri unu programero, kaj prizorgis ĝin ĝisfunde. Ĉu prelego, ĉu vizito al preĝejo aŭ promeno surstranda, ĉiu programero estis zorge preparita kaj pasie disvolvita. Mi iomete envias grupon kun tiom da homrimedoj.

Post la surstranda promeno la partoprenantoj konstruis ventosonorilon per la konkeritaj konkoj. Mi kaj Doni, anstataŭe, vizitis Alkmaar-on kun niaj germanaj geamikoj Detlef kaj Maria, kiuj rakontis al ni pri la historio, la konstruaĵoj, la kutimoj, kaj invitis nin al surkanala boatveturo sub la –he he– tro malaltaj pontoj…

Kelkaj vortoj pri la kultura vespero. La Alkmara esperanta ĥoro "Malvo" havis nenion por envii al la profesia nederlandlingva "Ĉu vi ankoraŭ povas kanti...": Marijke ĝin estras preskaŭmajstre kaj ĉiuj kantas plenkore.

Post la "Malvo", la hungara Jozefo rakontis humuraĵon pri virinoj; la itala Luigi (mi) koncertis gitare per kvar kantoj (Suno mia ['O sole mio], La dizertonto [Le déserteur], Ĝorĝo [Geordie], La vojo [dank' al Gianfranco Molle kaj la Majstro]); la germanoj reklamis pri la libro por liberpensontaj infanoj "Kie ni povas trovi Dion? demandis la eta porkido"; la franca Michèle vendis esperantajn T–ĉemizojn.

Eĉ la foriro estis agrable aranĝita: Miny Massar kaj ŝia edzo Ton akompanis nin al la flughaveno per aŭtomobila promeno inter dunoj kaj ravaj vilaĝoj. Kia bela paro!

Mi sentis min en junularkunvena etoso, kvankam averaĝe la aĝo pli ol duobligis tiun de miatempaj junularkunvenoj. Bedaŭrinde tiaj renkontiĝoj ne okazas ĉiun jaron – la organizado ne estas bagatelo. Do mi kunportos la flaron de tiu semajnfino por kelka tempo… ĝis la venonta!

(verkis en la 27-a de junio 2015)

## URBA STILO KAJ TRAJTO

Karaj legantoj,

La foto-ekspozicio Ĝemelaj Urboj de Lillo sukcese okazis. Ĉi tie refoje aperas tiuj fotoj. Tio celas ne nur havigi al vi ĝuon pri iliaj stiloj kaj trajtoj, sed esprimi admiron al la laboro de la geedzo J. Coquisart kaj Raymonde Coquisart. Mi aldonis signon de Lillo kaj la 100-a UK

kaj finis la kolekton. Mi pensas ke la ekspozicio estas pli perfekta. -La redaktoro

## Fotoj pri ĝemelaj urboj de Lillo



Cologne (Köln nomata en Germanio)



Erfurt (Germanio)



Esch sur Alzette (Luksemburgio)



Kharkiv (Ukrajnio)



Leeds (Britio)



Rotterdam (Nederlando)





Torino (Italio)



Liege (Belgio)



Valladolid (Hispanio)



Vroclavo (Pollando)




Belfrido, signo de Lillo kaj la 100-a UK